# TEMPO

Glasilo Saveza za esperanto Hrvatske
Informilo de Kroatia Esperanto-Ligo



YU ISSN-0352-1583

2 '86

## LA REDAKTORO DIRAS

Jam tradicie japanaj pupistoj partoprenas Pupteatran Internacian Festivalon (PIF), kiu ĉi jare jam la 19-an fojon okazis en Zagreb. Foto sur la titolpaĝo montras la momenton el la teatraĵo de la japana pupteatro "Clarté" el Osako. Pri la ĉi-jara PIF jam ĉio estis dirita en centoj da artikoloj. Ni volas ĉi tie mencii nur la teatrojn kiuj ludis en Esperanto: Ŝtata Pupteatro "Rabcio" (Pollando), Ŝtata Pupteatro el Silistra (Bulgario), Pupteatro "Bululu" el Francio, Pupteatro "La Nigra Kato" el Italio kaj "Clarté" el Japanio.

La Esperanto-movado ĉi jare forte ĉinecas, precipe pro la UK en Pekino. Parton te tiu etoso ni volas peri al vi sur la sekvaj tri paĝoj.

Ivica - Štef


tempo

ZAGREB 1986. 11. 27.
broj/numero 29
godina/jaro VII
primjeraka/ekzempleroj 2000

osnivač i izdavač / fondinto kaj eldoninto
Savez za esperanto Hrvatske
Kroatia Esperanto-Ligo

savjet glasila / konsilantaro
Ljerka Begić, Josip Brkanac (predsjednik/prezidanto), Dalibor Kudumlja, Nikola Rašić, Tea Ružić, Slavko Šimunić, Ivica Špoljarec

glavni, odgovorni, grafički i tehnički urednik
ĉefa, respondeca, grafika kaj teknika redaktoro
Ivica Špoljarec

uredništvo / redakcio
Dalibor Kudumlja, Nikola Rašić, Judita Rey, Tea Ružić, Ivica Špoljarec, Spomenka Štimec, Zlatko Tišljar

slaganje i tisak / kompostis kaj presis
Internacia Kultura Servo
Međunarodni centar za usluge u kulturi
Zagreb, Amruševa 5/I

adresa redakcije / redakcia adreso
Savez za esperanto Hrvatske
„Tempo"
YU-41000 Zagreb, Amruševa 5/I
tel. (041) 424-660

izlazi tromjesečno / aperas 4-foje jare

cijena 1 primjerka / prezo de 1 ekzemp.
50.- din.

godišnja pretplata / jarabono
200.- din.

„Tempo primaju svi članovi SEH-a s uplaćenim članarinama za tekuću godinu.

Po mišljenju Republičkog sekretarijata za prosvijetu, kulturu i fizičku kulturu SRH, broj 2788/1-1980 od 16. 4. 1980. godine, glasilo Saveza za esperanto Hrvatske „Tempo" oslobođeno je poreza na promet proizvoda.

第71届




国际世界语大会

## ĈINIO KAJ ESPERANTO – RECIPROKAJ ESPEROJ

Kun 2 482 aliĝintoj el 54 landoj, la 71a Universala Kongreso de Esperanto, de la 26a de julio ĝis la 2a de aŭgusto 1986 en la ĉina ĉefurbo Pekino, estas la dekunua plej granda UK en la tuta historio, de la Esperanto-movado. Ĝi estas ankaŭ la plej granda ekstereŭropa UK kaj la plej granda internacia kongreso iam ajn okazinta en Ĉina Popola Respubliko. Jam tiuj tri rekordoj sufiĉas por garantii al la 71a UK eminentan lokon en la historio de la Internacia Lingvo. Tamen, tiun historion eniros ankaŭ la fakto, ke ni bezonis 99 jarojn ekde la apero de la Unua Libro kaj 81 jarojn de post Bulojno-sur-Maro, por "kuraĝi" kongresi en la plej homplena lando sur la terglobo. Tia malkuraĝo ne rajtus esti atributo de movado, kiu pretendas porti mondan revolucion al la sfero de la internacia komunikado.

La 71a UK estis unu el la plej sukcesaj manifestacioj en nia historio. Ni emas forgesi la bazan celon de niaj Kongresoj kiuj "estas internacia manifestacio de la esperantistaro" por "progresigi la Movadon". Se ni memoras tion, facilas konkludi, ke estis granda sukceso jam la fakto, ke ni decidis kongresi en la lando, kiu tra la lastaj jaroj spertas la plej atentindan progreson de sia E-movado, en la lando, kie tiu movado estas plene rekonita kaj forte subtenata de la tuta socio, de la lando, kiu plurkampe pioniras en la praktika aplikado de la Internacia Lingvo. La 71a UK klare montris, ke Ĉinio estas la plej granda espero de Esperanto, samkiel la zamenhofa lingvo estas unu el la ĉefaj esperoj de la evoluanta, malkliŝe pensanta, revolucia Ĉinio.

Aĥ, jes, la 71a UK estis sendube ankaŭ unu el la organize plej malfacilaj Kongresoj, ĉar: malvastis la kongresejo, mankis sperto pri tiel amasa evento, burokratismo tie ankoraŭ tronas, turismo ĵus eniris la bazan lernejon ... Aliflanke, miloj da ĉinoj unuafoje utiligis Esperanton, pluraj dekoj da milionoj da ĉinoj unuafoje aŭdis pri ĝi, ni fine portis al Ĉinio la tutan miraklon de la zamenhofa lingvo kaj homa dingo sur la kampo de la interpopola komprenigo. Ĉar nia Movado ja ne konsistas el dorlotitaj turistoj sed el anoj de revolucia, "diligenta kolegaro", la 71a Universala Kongreso de Esperanto estis plena trafo kaj brila sukceso.

sm

(el: "esperanto 1986 septembro/141")



Ulomak iz govora predsjednika kineskog Parlamenta HUANG HUA na otvaranju 72. svjetskog kongresa esperantisa u Pekingu.

## KINA TREBA UČINITI JOŠ VIŠE ZA ESPERANTO

..... Svjestan sam da je esperanto velika ideja, veliko nastojanje i veliko iskustvo. Njegovo 100-godišnje postojanje i rasprostranjenost u potpunosti dokazuju njegovu snagu i životnost. Ovaj Kongres, s više od 2000 sudionika iz različitih krajeva svijeta, je također dokaz te činjenice. Nedavno je, na svojoj 23. Generalnoj Konferenciji, Unesko donio rezoluciju o obilježavanju 100-godišnjice esperanta. To je dokaz da su ljudi sve svjesniji značaja esperanta i njegove uloge, pa tako jezik dobiva sve širu međunarodnu potvrdu.

Kineski narod ima dugu povijest i tradiciju ljubavi prema esperantu. Odmah nakon revolucije 1911. godine, naš poznati pedagog i demokrata, tada ministar obrazovanja, Cai Yuanpei potakao je širenje esperanta u Kini. Veliki mislioc i pisac Lucin, povijesničar i književnik Guo Mojui i eminentni pisac Mao Dun dali su veliki doprinos razvoju esperanta u Kini. Nedavno preminuli podpredsjednik kineskog Parlamenta Hujucz i predsjednik Saveza kineskih pisaca Bakin bili su esperantisti. Pomoću esperanta oni su Kinu upoznali s vrijednim ostvarenjima stranih literatura. I ne samo to, oni nikada nisu prestali djelovati u esperantskom pokretu.

Tokom tridesetih godina ovog stoljeća, esperantski pokret Kine je sudjelovao u borbi kineskog naroda za nacionalno oslobođenje, gdje je imao važnu ulogu. Zbog toga je, nakon proglašenja Narodne Republike, vlada naše zemlje odmah dala i podršku esperantu. U svjetlu tih činjenica naš preminuli maršal Chen Yi, jedan od velikih vođa naše zemlje, je 1963. godine predložio da se Svjetski kongres esperantista održi u našoj zemlji. I, eto, danas se ostvaruje vidovita i mudra zamisao maršala Chen Yia. To je ujedno i rezultat stalnih nastojanja i rada naših esperantista tokom desetak godina.

Iskreno govoreći, naš doprinos esperantu nije ni tako velik ni tako impozanta, kakvog zemlja, s takvo velikim teritorijem i brojem stanovnika, teba dati. Kina ima više od milijardu stanovnika, skoro četvrtinu svjetskog stanovništva. Naša zemlja, razumljivo, treba zbog toga dati još veći doprinos čovječanstvu a isto tako i velikom idealu esperanta. .....



# KONGRESNE IMPRESIJE




Najznačajniji aspekt kongresa u Pekingu jest osjetno drugačiji sastav delegata. Mnogo manje Evropljana, ali zato velik broj onih iz Azije, među njima i iz zemalja koje vrlo rijetko ili uopće do sada nisu slale delegate kao Pakistan, Hongkong, Iran, Indija. Naravno, najimpresivnije je bilo vidjeti kinesku delegaciju od 300 članova iz svih krajeva Kine, ali i neobično velike delegacije Australije, Novog Zelanda, SAD, Kanade, Japana, Koreje, pa čak i Brazila, Meksika, Venecuele i Islanda.

Vidna razlika između Augsburga i Pekinga jest i u odnosu državnih organa prema kongresu. U Pekingu je kongresu dato izuzetno visoko značenje. Otvaranju je prisustvovao Huang Hua, potpredsjednik svekineskog narodnog kongresa i niz drugih visokih političkih ličnosti. Posebne prijeme za članove kongresa pripremio je i Huang Hua i potpredsjednih grada Pekinga. Sredstva javnog informiranja pratila su kongres sa znatno većim zanimanjem nego u drugim zemljama, jer je očito da kineske vlasti vide u esperantu političku snagu koju treba podržavati i unapređivati.

Značajno je napomenuti da je ovo po broju sudionika (2500) bio najveći međunarodni skup koji je ikad održan u NR kini.

71. svjetski esperantski kongres bio je u znaku izbora, te u znaku priprema za proslavu 100-godišnjice esperanta kao i u znaku ekspanzije esperanta u Aziji.

Izabrano je novo rukovodstvo Svjetskog esperantskog saveza na čelu s novim predsjednikom dr Humphrey Tonkinom iz SAD, prihvaćen je niz rezolucija u vezi s planom rada za iduću jubilarnu godinu kao i u vezi s godinom mira. No najvažniji aspekt kongresa je nesumljivo to što su prvi puta mnogi kineski esperantisti mogli stupiti u kontakt sa esperantistima iz drugih zemalja i što će to sigurno unaprijediti vrlo vitalan i stalno rastući pokret u NR Kini u kojoj sada postoji preko 300.000 članova.

Z. Tišljar

## NOVA ESTRARO DE UEA

Humphrey Tonkin (Usono) – prezidanto
Yosimi Umeda (Japanio) – vicprezidanto
Flora Szabö-Felso (Hungario) – ĝenerala sekretario
Gregoire Maertens (Belgio) – eksteraj rilatoj
Jean-Louis Texier (Francio) – interna agado
Victor Sadler (Nederlando) – financoj
Barbara Despiney (Francio)
Diccon Masterman (Britio-Italio)
Otto Haszpra (Hungario)

U međunarodnom esperantskom pokretu se u posljednje vrijeme sve više osjeća potreba i nastojanje da se s izvornom esperantskom literaturom upozna što šira neesperantska javnost. Najbolji način za to je prevođenje i objavljivanje vrijednih djela s esperanta na nacionalne jezike. Zbog toga smo odlučili da u ovom broju objavimo natječaj za prijevod s esperanta na hrvatskosrpski. Poseban žiri, kojeg će odrediti redakcija, ocijeniti će vaše radove a najbolji nagraditi knjigom "Ombro sur interna pejzago" i objaviti ga na stranicama "Tempa".
Tekst kojeg smo izabrali za ovaj natječaj je ulomak iz romana Spomenke Štimec "Ombro sur la interna pejzaĝo" (Edistudio, 1984).
Prijevode šaljite na adresu redakcije "Tempa" do 31.01.1987.

# TRADUK-KONKURSO




Mi fartis iom kiel uzita glubendo kiun oni klopodas reuzi sed ĝi ne plu fikstenis. Eĉ pli malbone – mi sentis kiel oni disŝiras min de la fono kun tuta amaso da polveroj kiuj malhelpas min. – Kial vi permesis? Kial vi lasis vin tiom glui? – malicis iu voĉo en mi dum nia "ni" perforte degluiĝis al "li" kaj "mi". Perforte? Ne precize. Mi bezonis forton por elgluiĝi. Li ne. Aŭ li multe malpli.

Estis vespero senkurenta. Io misfunkciis, mi serĉis kandelojn tra mallumo. Mi trovis ilin. Ankaŭ alumetojn. Li peze sidis ĉetable. Mi parolis pri negravaĵoj, senkonjekte. Li prononcis mian nomon kaj mi lasis kandelojn kaj turnis min al li. Estis io maltrankviliga en lia voĉo. Mi tuj komprenis, terurita. Sed mi ne volis kredi. Mi ne emis kompreni.

Mi staris en koridoro dum li prenis mantelon. Mi rigardis kiel li surmetas dekstran kaj poste maldekstran manikon. Mi volis ke butonumado longe daŭru. Ĝi estis tre rapide finita. Nenia interveno. Li faris du paŝojn al mi kaj ĉirkaŭbrakis min supraĵe. Kompreneble mi faris tion kio estas la plej hontinda tiukaze: mi ploris. Mi vidis kiel du larmgutoj enfalis en la pelton de lia jako – li rapide malgluiĝis de mi kaj ekiris grandpaŝe. La pordo fermiĝis; mi aŭdis liajn ŝuojn grinci, enirpordon malfermiĝi, fermiĝi. Mi sciis kiel li marŝas laŭ vojeto antaŭ la domo kaj turnas sin kaj foriras. Foriras.

Fakte, tiu vespero kun kandeloj ne venis subite. Mi jam kelkan tempon sentis ke ni marŝas deklivon malsupren. Kial? Kial entute ĉesas rilatoj?

Mi memoras Tolstoj. Tion pri feliĉaj kaj malfeliĉaj familioj. "Ĉiu feliĉa familio similas unu al alia. Ĉiu malfeliĉa estas malfeliĉa laŭ sia maniero".

– Nun via vico por malfeliĉo. Tio al ĉiuj okazas! – ĝeneraligis tiu voĉo en mi kiu ĝuis vundante.

Bonvolu nur. Deklivo malsupren.

Dum montogrimpado mi eĉ ŝatis tiun

momenton kiam mi sentis puŝata min gravite malsupren. Se oni ŝatas – estas agrabla sento kuri de montopinto suben. Se oni ne ŝatas, muskoloj onin doloriĝas pro klopodo bremsi. Mi bremsis. Sed mi tamen malgrimpis.

* * *

Kio nun?

La domo pleniĝis per silento, kiu ĉegorĝe premis. Kio nun? Kio nun? La malplena demando palpserĉis savelirejon.

– Reiru kuirejen! Komencu ion fari! – Iu el mi milde diktis ordonojn.

– Jen la kuirejo, puŝu la pordon. – mi vidis la vazaron malpuran kaj volis ĝin lavi. Sed subite mi ne plu kapablis stari. La tristo plenigis miajn maleolojn kaj mi devis sidiĝi sur la plej proksiman seĝon. Trans ĝi vakis lia malplena loko. Mi atendis kelkajn momentojn. Antaŭ ol mi sufokiĝis pro silento revenis hejmen la ironia voĉo kaj deklaris solene: – Antaŭen al malfeliĉo! – Vidante min sidi senmove, ĝi komprenis, ke tiu solena tono estas tamen troigo. Sed ĝi ne pardonpetis.

– Klopodu movi la kapon dekstren – maldekstren! – Mi faris. Ne pro mia plezuro sed por montri, ke mi provas kunlabori. Kaj ĝi kuraĝigis min ĉesi sidi, kaj puŝis min ĝis la lavujo kun malpuraj teleroj.

Ĉe la renkontiĝo kun lia tetaso mi kapitulacis. Aŭ ĉu tio estis kapitulaco de la voĉo?

Ĉu meti min en liton?

Ĉu telefoni al iu amikino?

La voĉo estis tre bonkonduta. Mi kredis antaŭe, ke ĝi nur ironion konas. Ĝi densigis malhelon en mia ĉambro kaj senlace glatigis litotukojn batalante kun mi kontraŭ sendormo kaj maldormo. Ni rondpromenis tra la ĉambro kaj trinkis akvon kun. Matene ni ambaŭ havis violkolorajn ringojn ĉirkaŭ okuloj. Nur la miaj estis iom pli malhelaj.

---

## PRI LA ESPERANTA LITERATURO

(El la intervjuo kun WILLIAM AULD, aperinta en "Heroldo de Esperanto")

**DEMANDO:** Vi estas la plej konata vivanta Esperanto-poeto. Kiujn verkojn, inter la lastaj, kiuj aperis sur la Esperanto-merkato, vi plej ŝatis?

**RESPONDO:** Fakte en la lasta tempo la libro-eldonado en la Esperanto-movado fariĝis treege vigla kaj aperis vere tre multaj tre interesaj libroj, dum – mi diru – la pasintaj du jaroj. Preskaŭ ĉion, kon mi ricevas, mi legas kun plezuro, sed kompreneble libroj elstaras iomete. Eble mi rajtas mencii la "Esperantan Antologion", kiu ŝajnas al mi ŝlosila verko en la Esperanta kulturo, ĉar tie prezentiĝas la verkoj de niaj poetoj ekde 1887 ĝis preskaŭ tra cent jaroj, kaj tio estas kvazaŭ monumento al la originala kulturo de Esperanto. Kompreneble, ne ĉiuj legas poezion: mi ŝatus mencii libron, kiu ŝajnas al mi la plej grava originala prozaĵo de la lastaj jaroj: temas pri "Ombro sur interna pejzaĝo" de Spomenka Štimec, kie ŝi verkas romanon baziĝantan sur la vivospertoj de profesia esperantistino, kaj ne nur tio: ĝi estas tiel arte verkita, la lingvaĵo fluas kiel ĉiutagece, sed tamen bele ... mi ne povas sufiĉe laŭdi tiun libron.

Sur la kampo de la tradukoj denove aperis tre multaj: unu, kiu treege plaĉis al mi estis "La morto kaj la morto de Kinkas Akvobleko" de brazila autoro treege mondkonata, kie denove la lingvaĵo de la traduko kunfandiĝas al vere ĝuinda legosperto. Alia fenomeno lastatempa estas, ke la unuan fojon ni havas libron tradukitan el afrika lingvo, nome el la suahila, "Salale!": temas pri dramoj originale verkitaj en la suahila lingvo tradukitaj en Esperanton, kaj ankau tio estas alia ŝtupo sur la antaŭenprogreso de nia kulturo.




...IS..AS..OS

## SUSRET ESPERANTISTA SLAVONIJE I BARANJE

Tradicionalan susret esperantista Slavonije i Baranje održan je 11-12.10.1986. u Đakovu. Uvod u susret bilo je formalno osnivanje esperantskog društva u ovom gradu. Premda je djelatnost esperantista postojala već nekoliko godina, pa im je i povjeren zadatak organizacije Susreta, ipak, tek sada je društvo i osnovano. To je već treće društvo u Slavoniji osnovano u zadnjih godinu dana. Na susretu je sudjelovalo stotinjak esperantista iz Slavonije i Baranje ali i gosti iz drugih krajeva naše zemlje, pa čak i iz Mađarske i Belgije. Susret je obilovao zanimljivim kulturnim programom i posjetama znamenitostima Đakova.

## PREDSJEDNIŠTVO SEH-a

18.10. održana je u Zagrebu sjednica Predsjedništva SEH-a. Razmatran je plan provođenja manifestacije "100 godina esperanta u kulturi" te je prihvaćen i predložen na raspravu u Odboru za 100-godišnjicu. Prihvaćen je i plan rada do kraja 1986. godine kojim se planira još jedan seminar za nastavnike, festival u Portorožu, nekoliko sjednica, daljnji rad na planiranju 1987. godine.
Razmatrani sú i materijali za sjednicu Predsjedništva JEL-a, posebno u vezi jugoslavenskog esperantskog kongresa u Banja Luci 1987. godine.

## GRAZ- ZAGREB: Prvi zajednički seminar za profesionalne nastavnike

U zajedničkoj organizaciji Međunarodnog centra za usluge u kulturi iz Zagreba i Pedagoškog instituta Štajerske iz Graza održan je seminar za 20 profesionalnih nastavnika (10 iz Štajerske i 10 iz Zagreba) u dva dijela. Nastavnicu su učili esperanto u Gracu 24. i 25. maja, a drugi dio u Zagrebu (u domu Crvenog Križa na Sljemenu) 14. i 15. lipnja. Troškove u Austriji za sve polaznike snosilo je Austrijsko ministarstvo za prosvjetu kao sastavni dio službenog eksperimenta u vezi brzog osposobljavanja nastavnika za podučavanje esperanta, za koju svrhu je odabrana Zagrebačka metoda. Eksperiment je pratio direktor Pedagoškog instituta Štajerske, dr Karl Haas, a u Zagrebu je eksperiment pratila savjetnica Prosvjetno-pedagoške službe SRH, dr Nataša Benini.

## NOVI UDŽBENICI PO ZAGREBAČKOJ METODI

1.6.1986. održana je promocija talijanskog izdanja udžbenika esperanta po zagrebačkoj metodi u Udinama. Izdavač knjige je Esperatski savez Italije, a na promociji je govorio i jedan od autora, Zlatko Tišljar.
U srpnju je izišao iz štampe isti udžbenik i na engleskom jeziku koji je sufinancirao Međunarodni fond za unapređenje podučavanja esperanta "Carson" iz Kanade, a izdao Međunarodni centar za usluge u kulturi iz Zagreba (gdje se udžbenik može i nabaviti). Talijanski udžbenik je adaptirala Elisabeth Cordovado, a engleski dr John C. Wolls.

## SUSRET ESPERANTISTA ZEMALJA ALPE-JADRAN (Trilanda Konferenco)

Ovogodišnji tradicionalni susret održan je u Mariboru u Jugoslaviji od 26-28 rujna. Sudjelovalo je 200 esperantista iz Italije, Austrije i Jugoslavije kao i gosti iz Mađarske, Susret je održan u Pedagoškoj akademiji u Mariboru, a sudionici su bili smješteni u Studentskom domu i hotelima. Na skupu je raspravljano o planovima za 1987. godinu te o mogućoj koordinaciji aktivnosti. Tema je bila "Da li esperantom ili za esperanto". Uvodna izlaganja u vezi s tim iznijeli su Tibor Sekelj, Zlatko Tišljar i Janez Zadravec i složili se da treba esperantom raditi za esperanto. Što više surađivati, susretati se, a posebno planirati zajednički rad na odgoju mladih koristeći zagrebačku metodu učenja esperanta čiji se udžbenik već koristi u svim zemljama ovog područja. Slijedeći susret će se održati u Italiji u rujnu 1987.




## SAJAM FOSILA I MINERALA U VELIKOJ GORICI

Esperantsko društvo iz Velike Gorice organiziralo je sajam na kojem su izlagali izlagači iz SR Srbije, Hrvatske i Slovenije te iz Austrije i Njemačke. Sajam je održan u Narodnom sveučilištu "J, Kokot" u Velikoj Gorici od 19-21. rujna 1986. Minerali i fosili te nakiti od minerala mogli su se i kupiti na ovom sajmu, koji je posjetio velik broj posjetilaca. Esperantsko društvo je imalo lijepo uređen štand sa informacijama o esperantu, a akciju je organizirala sekcija društava "Trilobit", koju vodi Stjepan Zvonarić.

# Esperanto kaj UNUIĜINTAJ NACIOJ








Celo de Esperanto kaj ĝia movado, precipe de Universala Esperanto-Asocio estas la solvo de la monda lingvo-problemo per la adopto de neŭtrala internacia lingvo. Krome laŭstatuta celo de UEA estas la respektplena konduto kaj kunvivado de diversnacianoj. Ambaŭ korespondas plene al la celaro de UN statutigita en ĝia fonddokumento kaj la fama deklaracio pri la homaj rajtoj. Ambaŭ korespondas al parto de la kondiĉaro necesa por kreado kaj stabiligo de paco en la mondo. Tial estas konsekvenca fakto, ke la Esperanto-movado pere de ĝia ĉefa reprezentanto UEA havas oficialajn rilatojn kun la sistemo de UN. Jam naŭ jarojn post la fondiĝo de UN en 1945 UEA estis akceptita kiel neregistara organizaĵo internacia en konsultaj rilatoj kun la specialiĝinta organizaĵo de UN, la eduka, scienca kaj kultura konsilantaro UNESCO.

Tiu grava organizajo konfirmis sian sintenon en novembro de la pasinta jaro, kiam ĝi unuanime aprobis rezolucion pri la 100-jara jubileo de Esperanto, ne nur gratulante pro tiu evento, sed ankau rekonante la atingojn de la Esperanto-movado tutmonde kaj la ankoraŭ ne utiligatan potencialon de ĝi por la alproksimigo de diversnaciaj kulturoj. La invito de Unesko en tiu rezolucio al la ŝtatoj-membroj instali studprogramojn pri la lingvo-problemo kaj pri Esperanto en ies edukinstitucioj estas brila pruvo, ke Unesko konscias pri la ekzisto de la lingvo-problemo internacia kaj ke ĝi atribuas rolon al la Esperanto-movado en ĝia solvo. Ĉar UEA estas en konsultaj rilatoj kun Unesko, ĝi ankau estas kategorio de neregistaraj organizaĵoj, tio estas organizaĵoj, kiuj en tre specifa aspekto havas la rajton kaj eblecon konsili al UN.

La reprezentantoj de UEA en la UN-sidejoj Novjorko, Ĝenovo kaj Vieno estas laborantaj pri transigo de UEA en la duan kategorion de neregistaraj organizajoj, ĉar la ĉefcelo de UEA, solvo de la lingva komunikada problemo tutmonda, ne nur rilatas unusolan sed ĝeneralan aspekton de la agadsfero de UN. La lingva problemo en UN ĝis nun trovis plimalpli pragmatan solvon per la adopto de 6 oficialaj lingvoj, sed la distribuo de tiuj lingvoj same kiel la necesa (laŭ tiu solvo) ignorado de aliaj lingvoj ne povas esti karakterizataj kiel kongruaj kun la deklaritaj postuloj de egalaco kaj nediskriminacio en la kunvivado de la popoloj.

H. M. Maitzen



universala esperanto-asocio




## LA KOTIZOJ POR LA JARO 1987

MA Din 7.500,- Memro-abonato ricevas la monatan revuon Esperanto kaj la jarlibron UEA.

MJ Din 3.000,- Membro-jarlibro ricevas nur la jarlibron de UEA.

MSZ Din 15.000,- Kiu volas esti membro de la "Societo Zamenhof" pagas aldonan sumon, ekster kotizaĵo. Dumvivaj membroj same kiel MJ povas fariĝi membroj de la "Societo Zamenhof" pagante la notitan sumon. Prezidanto de UEA donas apartan akcenpton dum Universalaj Kongresoj por membroj de tiu societo.

SA Din 4.500,- Simpla abona al la revuo "Esperanto", sen membreco.

PATRONA membro de TEJO – Din 4.500,-

KONTAKTO la belaspekta kaj enhavoriĉa junulara revuo nun aperanta regule, kostas jare Din 2.500,- -

La nova membro-kategorio.

MG Din 1.200,- Membro kun gvidilo ricevas 100-paĝan "Gvidlibro tra la esperanto movado". Ĝi estas depresaĵo el la tradicia Jarlibro (sen adresaro de la delegita reto), ankaŭ estraran raporton.
MG-kategorio estas establita eksperimente de la jaroj 1986-1988 kaj ĝia plua vivo dependas de la rezultato. Ĝi malfermas eblecon fariĝi individua membro de UEA al ĉiu por kiu la kutimaj membro-kategorioj estas tro multekostaj.

Junulaj kategorioj ne plu ekzistas. Ĉiu juna membro de UEA ĝis inkluzive 25 jarojn (naskiĝinta en 1962 kaj pli poste), ricevos senpage la revuon KONTAKTO (ne membroj en MG-kategorio), sed la kotizo (MJ,MA) ankaŭ por tiuj membroj estas la sama kiel por aliaj. Junaj membroj, sendante la kotizon, nepre indiku sian naskiĝjaron.
Ĉiu nova membro, kiu regule pagis la kotizon por la jaro 1986, pagante la kotizon por 1987 akiris la rajton eniri la delegitan reton de UEA. Se vi deziras fariĝi Delegito, Vicdelegito, Fakdelegito au Junuldelegito en via loko, informu tiuj pri via decido. Larĝigo de la delegita reto en nia lando estas dezirinda, ĉar nun ne sufiĉe vasta, precipe en turisme viglaj lokoj sen Delegito.

Monon vi povas sendi per simpla poŝta monenpagilo al la ĉefdelegito de UEA por Jugoslavio: EMILIJA LAPENNA, Nova Ves 32, 41000 Zagreb, tel. 271-763.

1986

# KALENDARO

## DECEMBRO

27.12.-3.1. 30-a INTERNACIA SEMINARIO – Köln (Kolonjo), FR Germanio. Temo: Internacia kulturo en praktiko". Kotizoj ĉ. 250 DM. Aliĝoj: Thomas Pusch, Am Schwertberge 23, D-2845 Damme.

28.12.-2.1. 16-a VINTRA ESPERANTISTA FERIO, Budapest, Hungario. Interkona vespero, urbotrarigardo, silvestra balo, ekskursoj ktp. Prezo: ĉ. 3000 forintoj. Informoj kaj aliĝoj: Budapeŝta Komitato de HEA, Kenyermező u. 6, Budapest VIII. Tel. 141-078, 334-194.

30.12.-3.1. NOVOGODIŠNJE SKIJANJE NA OLIMPIJSKIM PLANINAMA – Sarajevo, Stambolčić (Jahorina). Cijena aranžmana (smještaj, ishrana i program): 21.400 din. Prijave i informacije: Univerzitetski esperanto klub, M. Titta 44/1, 71000 Sarajevo. Tel. 071/33-994, radnim danom od 19-21 sat.

1987 — 


## FEBRUARO

21.-28. 28. INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO – SKI-SEJMAJNO, Sarajevo - Stambulčić. Programo: ski-konkursoj, lingvaj kursoj, prelegoj, maskobalo. Prezo: 350-450 n. gld. Korespondadreso: 28. IFES, V. Pelagića 8/1, 71000 Sarajevo.

## MARTO

20.-22. 3-a INTERNACIA RENKONTO "IVAN FLANJAK", Osijek, Jugoslavio. Temo: "Esperanto kaj turismo". Bonvenas referaĵoj pri la temo (lindato 31.01.1987.). Informoj kaj aliĝoj: Esperanto-Societo "Liberiga Stelo", pp 27, YU - - 54000 Osijek.

## MAJO

1.-3. 13-a UNUAMAJA RENKONTIĜO DE JUGOSLAVIA E-JUNULARO, Zavidovići. Programo: kulturaj aranĝoj, seminarioj, sportaj konkursoj, ekskurso. Informoj: URJEJ, D. Ozme 7/IV, 71000 Sarajevo.

## JUNIO

19.-21. 22. JUGOSLAVIA ESPERANTO-KONGRESO, Banja Luka. Informoj: 22. JEL-Kongreso, D. Ozme 7/IV, 71000 Sarajevo.

## JULIO

16.-24. TEJO KONGRESO, Krakov, Pollando.

25.-01. 72-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, Varsovio, Pollando. Konstanta adreso: UK de Esperanto, Nwe. Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Kotizo por jugoslavoj 70-90 nederlandaj guldenoj.

## AŬGUSTO

2.-9. **100 JAROJ DE ESPERANTO-KULTURO, Zagreb**
Programo: Internacia Koncerto, Pupteatra Internacia Festivalo (PIF), Programo de Profesiaj ka Amatoraj E-teatroj, Esperanto ĉe radio, filmo, televido, ekspozicioj, scienca konferenco, Internacia Esperanto-foiro, turismaj programoj ktp. Pliaj detaloj en la venonta numero.
Informoj: KEL, Amruševa 5/I, YU-41000 Zagreb, tel. 041/424-660.




### KONSTITUIRAN ORGANIZACIONI ODBOR

13. 11.1986. godine u Zagrebu je konstituiran organizacioni odbor za provođenje svih aktivnosti u vezi s manifestacijom " 100 godina esperanta u kulturi", koja će se od 2. – 9. kolovoza 1987. god. održati u Zagrebu. Za predsjednika odbora je izabrana NEDA ANDRIĆ. Odbor je ocijenio plan manifestacije realnim, a očekuje se oko 1000 sudionika iz cijelog svijeta.

## MAJO

1.-3. 13-a UNUAMAJA RENKONTIĜO DE JUGOSLAVIA E-JUNULARO, Zavidovići. Programo: kulturaj aranĝoj, seminarioj, sportaj konkursoj, ekskurso. Informoj: URJEJ, D. Ozme 7/IV, 71000 Sarajevo.

## JUNIO

19.-21. **22. JUGOSLAVIA ESPERANTO-KONGRESO,** Banja Luka. Informoj: 22. JEL-Kongreso, D. Ozme 7/IV, 71000 Sarajevo.

## JULIO

16.-24. TEJO KONGRESO, Krakov, Pollando.

25.-01. 72-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, Varsovio, Pollando. Konstanta adreso: UK de Esperanto, Nwe. Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Kotizo por jugoslavoj 70-90 nederlandaj guldenoj.

## AŬGUSTO




2.-9. **100 JAROJ DE ESPERANTO-KULTURO, Zagreb**
Programo: Internacia Koncerto, Pupteatra Internacia Festivalo (PIF), Programo de Profesiaj ka Amatoraj E-teatroj, Esperanto ĉe radio, filmo, televido, ekspozicioj, scienca konferenco, Internacia Esperanto-foiro, turismaj programoj ktp. Pliaj detaloj en la venonta numero.
Informoj: KEL, Amruŝeva 5/I, YU-41000 Zagreb, tel. 041/424-660.

### KONSTITUIRAN ORGANIZACIONI ODBOR

13. 11.1986. godine u Zagrebu je konstituiran organizacioni odbor za provođenje svih aktivnosti u vezi s manifestacijom " 100 godina esperanta u kulturi", koja će se od 2. – 9. kolovoza 1987. god. održati u Zagrebu. Za predsjednika odbora je izabrana NEDA ANDRIĆ. Odbor je ocijenio plan manifestacije realnim, a očekuje se oko 1000 sudionika iz cijelog svijeta.

# KIEL ANTAŬENIGI LA MOVADON



–Kio okazis dum la kunveno?
–Mi malsamopiniis kun la prezidanto ...!

Dum pasinta kunveno en nia klubo la programo estis prezentita far Paŭlo sub la supra titolo. Li ekpensis la metodon kiun li prezentis al ni post ol li sciis pri la vendado de poŝtkarta kolekto apartenìnta al malnova klubanino S-ino N. Ŝi mortis 93-jara antaŭ iuj monatoj. Ni ne vidis ŝin en la Klubo de jam sep au ok jaroj, sed ŝi esperantiĝis en 1928, same kiel ŝia unua edzo. S-ino N. konservis ĉiun poŝtkarton kiun ŝi kaj la edzo ricevis dum pli ol kvindek jaroj. Ŝi venis al nia urbo kun la dua edzo, kiu kvankam simpatianto al nia ideo, neniam lernis la lingvon. Unu el la nepoj portis la dek ses kartonajn skatolojn al parkumeja bazaro kaj, laŭ la raporto de Paulo, dum tri dimanĉoj li vendis la, pli-malpli, 5000 kartojn kaj ricevis 874.40 pundojn. Multaj homoj demandis al la nepo, dum la vendado, pri la lingvo sur la poŝtkartoj kaj pluraj montris intereson pri ĝi. La sciigo pri la vendado donis ideon al Paulo por propagandi Esperanton per vendado de poŝtkartoj kiujn ni ricevis de amikoj el multaj landoj. Li klarigis kiamaniere ĉiu klubano povas ricevi almenau 20 poŝtkartojn jare kaj se 20 homoj donacos ĉiun poŝtkarton al la Klubo, je la fino de unu jaro ni havos 400 poŝtkartojn por vendi, eble pli, se oni reklamas en "Esperanto News". Antaŭ ol oni vendos ilin, li sugestis ke oni stampu ilin per la vorto "Esperanto" au "Korespondas en Esperanto" en taŭga loko, se jam la mencio de la lingvo ne aperas sur la poŝtkarto. Kaj se oni ricevos almenaŭ 20 pencojn po karto ni gajnos inter 80 kaj 100 pundojn. Al interesitoj ni povos doni la unuan lecionon de la senpaga kurso. Do, ni kaj ricevos monon kaj propagandos per praktika montrado de la lingva uzo. "Tre praktika ideo!" Paŭlo konkludis.

Poste en "La Ora Ŝafpelto" ni komentis kaj esploris la plurajn metodojn per kiuj homoj celis, celas kaj celos porti nin al la fina venko. Du el la ĉeestantoj sen iom da hezito menciis planon de viro, kiu opiniis, ke la plej efika metodo estas krei urbon kie ĉiu parolos Esperanton, kaj li reklamis la celon en movadaj revuoj petante al samideanoj iri kaj loĝi en la urbo kie li mem loĝis. La provo ĉesis pro lia tragika morto. Ni ĉiuj scias pri iu plano au alia por

skribi amase al eminentuloj kaj organizaĵoj en diversaj partoj de la mondo, informante ilin pri nia lingvo, atendante ke post ricevo de abundaj leteroj favoraj al Esperanto, ili, fine, lernos ĝin. Kaj ni ankaŭ scias pri la kolektado de subskriboj en laborejoj, drinkejoj au bazaroj, por peti ke la registaro subtenu Esperanton aŭ ke la lingvo estu instruata en la lernejoj; pluraj el ni kolektis subskribojn dum la kampanjo starigita de U.E.A. en 1947, sed la milionoj da subskriboj prezentitaj al la Unuiĝintaj Nacioj ne donis rikolton. Kompreneble, estis menciitaj la pluraj ideoj pri reklamado abunda en ĵurnaloj, aŭtobusoj, fervojaj stacioj, televido, k.t.p., sed la abunda reklamado restis ideo pro manko de mono! Estis propono pri presado sur necesa kaj utila ĉiutaga artikolo, de la devizo "Lernu kaj Uzu Esperanton" sur ĉiu folio. Nur paŝo for de la sapo vendita antaŭ jaroj en kluboj kaj federacioj!

La enfluanta biero aktivigis la mensojn, kaj Adelino, silenta ĝis nun, proponis ideon tute nova; ĝi estis la kreado de homida trupo kun naŭ dancistinoj kiuj distros dum kunvenoj de rotarianoj, leonoj, alkoj kaj aliaj kluboj viraj. Laŭ ŝi la trupo dancos lau menila melodio, lante, kiel estas movada kutimo, dum iom post iom ili nudiĝas ĝis restos nur tri verdaj steloj, en strategiaj pozicioj, tiam dum sonas la fina kadenco de la muziko ili turniĝas kaj oni vidos naŭ literojn ..., sur naŭ strategiaj lokoj!

Adelino, per sia impertinenta propono, sukcesis kiel ŝi ofte faras, malseriozigi la tonon de la diskuto. Estis tiam kiam Berto, kiu tre malofte retorikas, forigis la pipon el la buŝo kaj informis min pri la papago de malnova samideano loĝinta en orienta marborda urbo. Ĉi tiu ulo havis papagon kiu diris: "Kiel vi fartas?" kaj daŭre proponis ke pluraj grupanoj de la regiono akiru papagojn kaj instruu al ili esperantajn vortojn, tiam oni povus prezenti spektaklon de ses au sep birdoj parolantaj la lingvon! Ĉar la drinkantoj kredis, ke tiu estis nur ideo naskita de la menso de Berto pro biera influo, mi atestis ke jam antau jaroj ankaŭ mi aŭdis pri tiu papago. Post dancistinoj kaj papagoj la proponoj devenis pli kaj pli bizaraj kaj strangaj.

En la movado pululas homoj kun ideo por universaligi la lingvon, kaj ĉiu opinias ke per sekvado de lia ideo ni fine sukcesos: vendante poŝtkartojn kaj sapon, kolektante subskribojn, kantante, dancante kaj eĉ fajfante "La Espero"n far de papagoj. Ne gravas kiel temporaba au absurda la ideo estas, la proponanto elspezos pli da tempo, energio kaj rimedoj instigante al la samideanoj ĝin subteni, ol kunlaborante por fortigi la lokan grupon kaj landan asocion. Eble ni verduloj de "La Ora Ŝafpelto" ne estas tute ekster kritiko; ja, ni subtenas la lokan klubon, sed forte strebas por montri ke la movado antauen marŝos pli rapide se ni fondos rondon de verdaj drinkantoj en ĉiu drinkejo de Britio. Ni jam havis praktikan rezulton, ĉar Vinĉjo interesiĝis pri Esperanto pro niaj renkontiĝoj en la drinkejo. Li lernis la lingvon, aliĝis al la Klubo, E-AB kaj UEA, kaj se li ne ofte ĉeestas la kunvenojn tio estas pro la amikiĝanta efiko de la lingvo, kiun li praktikas farante en konsento paran rondon familian dum eksterurbaj eventoj.

Nu, se ni povus havi rondeton de verduloj en ĉiu drinkejo de Britio kaj al ĉiu rondeto aliĝus entuziasmulo kiel Vinĉjo ni havos pli ol cent-mil novajn anojn de E-AB! Ni eĉ povus konvinki tiam al bierfabriko produkti speciealan verdan bieron por niaj kongresoj!

Alariko

(El la "Brita Esperantisto", 1986/p.176)

# utile kaj interese

## JEZICI AFRIKE

Koliko se jezika govori u Africi? Odgovor na ovo pitanje pokušali su pronaći stručnjaci na međunarodnoj konferenciji održanoj u Najrobiju, glavnom gradu Kenije. Prema njihovom mišljenju u Africi se govori oko 200 jezika s oko 20000 dijalekata. Samo 5 do 20% stanovništva (ovisno o zemlji u kojoj žive) vlada jezikom bivših kolonizatora - francuskim, engleskim, portugalskim .... Od izvornih afričkih jezika najrasprostranjeniji je jezik suahili, kojeg govori oko 400 miliona afrikanaca.

(ES-3/86)

## "POLA ESPERANTISTO"

Pola Esperanto-Asocio informas ke la redaktejon de revuo "Pola Esperantisto oni translokigis el Jelenia Gora al Varsovio. La nuna adreso estas: "Pola Esperantisto", Pola Esperanto-Asocio, "Ritmo", str. Jasna 6, 00-013 Varsovio, Pollando.

## SUSRET ESPERANTSKIH PISACA

U Nišu je 11. i 12.10.1986. godine održan Prvi susret esperantskih pisaca Jugoslavije, dvodnevna književno-kulturna priredba kojoj je cilj zbližavanje književnika esperantista i upoznavanje javnosti s njihovim književnim stvaralaštvom. Na priredbi je sudjelovalo desetak pisaca iz raznih krajeva zemlje (Skopje, Subotica, Novi Sad, Osijek, Svetozarevo), a prigodno predavanje je održao mr Tibor Sekelj, predsjednik svjetskog Društva esperantskih pisaca (EVA), i odnedavno član svjetske Esperantske akademije. Susret su organizirali Esperantsko društvo "Ćele Kula" i Turistbiro El iz Niša, a namjera je organizatora da se ovaj susret održava svake godine.

## ESPERANTO U POŠTANSKOM PROMETU

Pošta 1150 u Beču tokom 1986. godine koristi poseban propagandni štambilj čiji tekst u prijevodu glasi: "Esperanto, međunrodni jezik, Međunarodni muzej esperanta u Beču". Milioni raznih pošiljki s ovim žigom odlaze širom svijeta te na taj način svjedoče o postojanju i životu esperanta. Esperantisti Austrije se trude da štambilj ostane u upotrebi i tokom 1987. godine povodom 100-godišnjeg jubileja esperanta. Neka ova vijest posluži kao ideja i poticaj našim esperantskim društvima.

ESPERANTO
internationale Sprache
Intern ESPERANTO MUSEUM
IN WIEN



## JAPAN DANAS

U Japanu se nedavno počelo izdavati glasilo čiji je cilj da strance informira o Japanu na esperantu. Glasilo sadrži ekonomsku, turističku, jezičnu i esperantsku rubriku. Izdavač: Kanto-Esperanto-Renmei, Takdanobaba 3-1-5-310, Sinjuku-ku, Tokyo 160, Japanio.

## VENEZUELA

Esperantski savez Venezuele povodom 100-godišnjice esperanta organizira Međunarodni festival o turizmu, komunikacijama i kulturi. Festival će se održati od 11. do 19.10.1987. u Caracasu. Nakon festivala organizira se niz privlačnih izleta. Ostale obavijesti daje: Asociacion Venezolana de Esperanto, Apartado 47675 Caracas, 1041-A Venezuela.

## JANOS KADAR PRI ESPERANTO

Okaze de la 25-jara datreveno de la fondo de la revuo Hungara Vivo, János Kádár, la ĝenerala sekretario de Hungara Socialisma Laborista Partio, skribe salutis la redakcion kaj la legantojn i.a. per la vortoj: "La lingvo Esperanto proksimigas la homojn unu al la alia, servas la interkompreniĝon, kaj per tio ĝi kontribuas al la firmigo de la amikeco kaj fido inter la popoloj".

## AL VENKO!

Jósef Dinnyés, profesia hungara kantisto, faris kasedon kun tradukitaj kaj originalaj kantoj kun gitara akompano. Inter la titoloj apud tradukoj el la hungara lingvo estas titoloj de famaj esperantistoj.

La kasedo titolas "Al Venko!" laŭ la titolo de Baghy kaj estas produktita de unu de tiuj novaj hungaraj etkomercoj.

---

## "ULICA ESPERANTO" U SKOPJU

Za vrijeme održavanja Međunarodnog kongresa željezničara esperantista ove godine u Skopju, jedna od ulica u predjelu Karpoš dobila je ime "Ulica Esperanto".




## ESPERANTO U KUBI

Prošle je godine u Kubi registrirano 1400 esperantista te oko 1200 učenika koji u 14 nastavnih centara uče esperanto. Osnovano je i desetak strukovnih organizacija esperantista: prevodioci, omladina, znanstvenici, pedagozi, geolozi itd. Priprema se niz izdanja na esperantu, djeluje i kazališna grupa a delegati Esperantskog saveza su sudjelovali na niz međunarodnih susreta u Evropi.

(ES-3/86)

## ŠPANJOLSKA

Ministarstvo prometa, komunikacija i turizma Španjolske štampalo je veliki plakat u boji povodom održavanja 47. Kongresa španjolskih esperantista i 100-te godišnjice esperanta. Primjerak plakata se može dobiti besplatno od: 47-a H.K. de Esperanto, strato Atocha 98, 4, 28012 Madrid.

VESELIN DAMJANOV

La 16-an de aprilo 1986 forpasis konata bulgara esperantista bardo Veselin Damjanov. Liaj kantoj ravis partoprenantojn de diversaj Universalaj Kongresoj, kaj diversnacian publikon tra la mondo.




### TURISTIČKI PROSPEKTI NA ESPERANTU

Čehoslovačka putnička agencija "ČEDOK" objavila je na esperantu bogato ilustriran prospekt na 24 stranice "Čedok vam predstavlja Čehoslovačku". Prospekt se može dobiti besplatno ako ga zatražite na adresi: ČEDOK, Na prikope 18, 111 35 Praha 1.

BEČ - nedavno je objavljen i veliki ilustrirani prospekt Beča na esperantu.




### BUNTA KAJ VARIA FESTIVALO

Kultura Esperanto-Festivalo en Uppsala (16-a-19-a de majo) fariĝis granda sukceso. Okdek kvin spektantoj el dekses landoj preskaŭ plenigis Teatron Totem.

La programo estis bunta kaj varia. Inter pli ol dudek geaktoroj, poetoj, muzikistoj kaj kantistoj troviĝis ankaŭ Ivica Špoljarec el Zagreb. Li prezentis programojn: lumbildan rakonton "27" kaj poeziteatraĵon "Por ĉiu bona vort' ".

La celo de festivalo estis montri, ke la Esperanta movado havas sian propran kulturon. Oni invitis artistojn, kiuj vere scias Esperanton, kaj kiuj mem kreis kulturaĵojn en la lingvo. Male, oni ne invitis "papagojn", homoj, kiuj senkomprene ripetas lernitajn tekstojn en Esperanto.

La festivalo bone sukcesis kaj ricevis amason da laŭdo de la spektantoj, kiuj ankaŭ proponis, ke oni nepre ripetu ĝin.

### PRETPLATE ZA NEKE ESPERANTSKE ČASOPISE U 1987.

"EL POPOLA ĈINIO": 1 jaro = 500 din; 2 jaroj = 900 din; 3 jaroj = 1300 din
Peranto: Spomenka Štimec, Amruševa 5/I, Zagreb

"HEROLDO DE ESPERANTO": 1 jaro = 1200 din
Peranto: Milan Marković, Rajićeva 22, 11000 Beograd

"LITERATURA FOIRO": 1 jaro = 1250 din
Peranto: Josip Pleadin, Br. Markaća 1, 43350 Đurđevac

# koncize ///////////////////////////////////////////////////////

# /////////////////////////////////////////////////////////// ukratko

**Politička škola mladih u Fažani** - Ove je godine SEH imao veći broj polaznika na 2 smjene Političke škole (u lipnju na smjeni o društvenim organizacijama) sudjelovalo je desetak polaznika, a voditelj je bila Gordana Malnar iz Karlovca. U rujnu je na smjeni o međunarodnoj suradnji bilo desetak sudionika iz esperantskih društava Siska, Zagreba, Kutine, Đurđevca, Vrbovca, Pule i Garešnice a između ostalog se govorilo i o suradnji klubova Ujedinjenih Nacija i SEH-a.

........................................................................................................................

**Osnovano novo esperantsko društvo u DRH - Slavonskoj požegi** - 26. lipnja 1986. održana je osnivačka skupština novog esperantskog društva u SRH "ORA VALO" u Slavonskoj Požegi. Provizorna adresa: Ranko Janković, Skupština općine, I.L. Ribara 13, 55300 Slavonska Požega.

........................................................................................................................

**Razmjena pionira Varpalota-Zagreb** - Grupa od 15 učenika osnovne škole "Gustav Krklec", koja je učila esperanto eksperimentalno kao fakultativni predmet u drugom polugodištu šk. godine 85/86, boravila je u Veszpremu (Mađarska) kod učenika tog grada kao i susjednog grada Varpalote od 18. do 21. lipnja, a mađarska djeca uzvratila su posjet u toku PIF-a, te su boravila u Zagrebu od 23-27. kolovoza.

........................................................................................................................

**Razmjena omladinaca Bidgošča (Poljska) i Velike Gorice** - U poljskom gradu Bidgoszcz održani su 11. susreti esperantske kulture od 1-6. lipnja 1986. na kojem je sudjelovao i folklorni ansambl iz Velike Gorice "Ivan Mladen" (50 osoba) te uspješno nastupao. Za uzvrat članovi ansambla primili su goste iz Poljske u svoje domove u toku PIF-a (23-27.8.1986.).

........................................................................................................................

**Zadar** - Za sudionike savezne radne akcije na pošumljivanju okolice Zadra (SORA "Jadran"), održana su dva tečaja esperanta. Na prvom tečaju bilo je 17 učesnika, uglavnom iz Ivanca i Novog Sada, a na drugom tečaju 20 učesnika iz Uba (kod Beograda) i Skopja. Tečajeve su vodili članovi Esperantskog društva iz Zadra Suzana Aralica i Zoran Vargović.

........................................................................................................................

**Omladinske radne akcije** - U toku ljetnih mjeseci vođeni su esperantski tečajevi na svim smjenama ORA Sava (voditeljica: Marija Belošević), te na ORA Sisak i Osijek.

........................................................................................................................

**"Ora valo"** - **novo** osnovano esperantsko društvo u Slavonskoj Požegi startalo je u jesen izložbom o esperantu. Reprezentativna izložba za koju je koncepciju i materijale pripremio Nikola Rašić, otvorena je 26.09. u čitaonici Narodne knjižnice u Slavonskoj Požegi. Na svečanom otvaranju bilo je više društveno-političkih radnika grada, a izložbu je u 10 dana trajanja posjetilo nekoliko stotina građana.

---

**Esperantsko društvo "Kelonio"** iz Zagreba organiziralo je odlazak zagrebačkih esperantista na turistički susret u Istambulu, koji organizira turistička esperantska agencija u tom gradu. Susret je održan od 25-30.10. Sudjelovalo je 100 sudionika iz Zagreba.

---

**Roman M. Krleže "Na rubu pameti" na esperantu** - Republički SIZ kulture SRH odobrio je Međunarodnom centru za usluge u kulturi subvenciju za izdavanje prijevoda na esperantu Krležina romana "Na rubu pameti". Roman je već u štampi, pa se očekuje da će se moći kupiti već u prosincu ove godine. Zbog ove značajne subvencije cijena knjige neće biti visoka. Roman je preveo Zlatko Tišljar.

---

**Predavanja o NR Kini** - Naši predstavnici na esperantskom kongresu u Pekingu već su održali niz predavanja o ovoj zemlji. Zlatko Tišljar koristi u predavanjima 20-minutni film (tonski, super 8) i dia-pozitive i dosad je održao 4 predavanja u Zagrebu i Vrbovcu. Spomenka Štimec i Vida Jerman pripremile su tribinu "Impresije iz Pekinga", a predavanja su držali i neki drugi sudionici kongresa.

---

**Internacia Kultura Servo u Turskoj** - Po uzoru na Međunarodni centar za usluge u kulturi u Zagrebu (Internacia Kultura Servo) osnovan je centar u Turskom gradiću Kiršahiru s istim imenom "Internacia Kultura Servo". Centar će organizirati međunarodne kulturne akcije u svom gradu, surađivati s esperantistima svijeta i naravno s istoimenim centrom u Zagrebu.

---

**Vida Jerman**, zagrebačka glumica, je na ovogodišnjem svjetskom kongresu esperantista u Pekingu premijerno izvela monodramu "Virino kiu flustris en uragano". Tekst za ovu dramu o japanskoj esperantistici-revolucionarki Hasegawa Teru (Verda Majo), napisala je Spomenka Štimec. Dramu je režirao Radovan Marčić.

# 1 GUANTANAMERA

1. De ki-e kres-kas la pal-moj mi ve-nas ho-mo sin-ce-ra

De ki-e kres-kas la pal-moj mi ve-nas ho-mo sin-ce-ra

por kan-ti simp-lajn kor-kan-tojn al ni-a mon-do mi-ze-ra.

R: Guan-ta-na-me-ra gua-ji-ra guan-ta-na-me-ra

Guan-ta-na-me-ra gua-ji-ra guan-ta-na-me-ra

1. De kie kreskas la palmoj
mi venas, homo sincera, (2x)
por kanti simplajn korkantojn
al nia mondo mizera.

2. La kantoj spiras helverdon
kaj spiras ardan brulruĝon, (2x)
kaj kiel cervo vundita
en montoj serĉas rifuĝon.

3. Mi disdividas la sorton
kun la mizera homaro, (2x)
ĉar tiu monta torento
ĝojigas min pli ol maro.

”Guantanamera” (- la knabino el Guantanamo) nomiĝas tiu ĉi konata ”guajira” (- kuba ritma danco-speco). Ĉi tiu versio de la kanto estas de José Martí, konata kuba poeto kaj gvidanto en la batalo je libereco kontraŭ la hispanaj koloniistoj. Li mortis dum revolto en 1898.

BELETRA' REVUO

Fonto

Speciala Numero Jugoslavia

Brazilski esperantski časopis za književnost "FONTO" posvetio je specijalni broj jugoslavenskim književnostima.

Na 42 stranice predstavljeni su prijevodi brojnih naših književnika više generacija, od klasika Andrića, Krleže, Selimovića i Kocbeka do suvremenih pisaca Kiša, Pavića, Danojlića. Zastupljeni su i prijevodi iz makedonskog, slovenskog, albanskog, mađarskog i slovačkog, a predstavljeno je i nekoliko izvornih radova na esperantu. Broj je uredila Spomenka Štimec, fotografijama ilustrirao Ivica Špoljarec a crtežima popratila Teodora Kučinac.

U ovom su broju "Fonta" zastupljeni prijevodi L. Borčić, R. Imberta, T. Logara, J. Velebita, V. Ošlaka, Z. Tišljara, N. Rašića, T. Sekelja, B. Miličevića, J. Juga i F. Csabe.

Ovaj specijalni broj "Fonta" može se nabaviti kod IKS-a, Amruševa 5/1, 41000 Zagreb po cijeni od 500.- din.

▼ ▼ ▽

**DRAGO GERVAIS**

**el la ĉakova dialekto: Lucija Borčić**

# *Tri avinjoj*



*Avinjoj oldaj tri*
*antaŭ domo staris*
*kaj kritikadis.*
*Kaj Katan, kaj Pepan, kaj Jelan,*
*kaj Toncan dikan, malbelan.*
*Unu ke estas tia,*
*unu ke ĉi tia,*
*unu edziniĝi volus,*
*la dua mallaborus,*
*la tria ĉion elspezas,*
*la kvara ja frenezas.*
*Kaj la mond' ke ekfriponis,*
*dum antaŭe ĝi pli bonis.*

*Avinjoj oldaj tri*
*ne ĉesis kritiki*
*de la oka ĝis tagmez'.*
*Kaj kiam la tagmezo venis,*
*unu hejmen iri devis.*
*La restintaj du*
*poste ŝin kritikis plu.*

BRAHMAN DEDAJ
el la albana: Nikola Rašić

# *Araneo*

*Vi ludon komencis de la fino*
*Por atingi aferon de propra nom'*
*Kiun vi skribis sure de nodaro*
*Kaj de magia faden'.*

*Nokton vi priŝtelas ĉiujn vojojn prenante*
*L' anĝeloj forgesas marŝi.*
*Ĉiuj vojoj aliiĝas al arko*
*Kaj ekiras nombri la ringojn*
*la nodojn prinomadi.*

*Vi faras reton la plej strangan*
*Tra kiu rigardas okuloj*
*De la ĉasanto avida.*

*La vivon vi konstruas*
*El arkoj kaj cirkloj*
*Kies rondlongojn ne eblas trovi*
*Per la kutima formulo 2rπ*

IVAN MINATTI
el la slovena: Tone Logar

# *Vespere*

*Susur' de flugiloj en nuboj*
*tremetas la arbo kaj flor'.*
*Mistero piedfingre de ĉie*
*alvenas al kor'.*

*Silente minutoj forkuras.*
*Purora jen estas la mond'.*
*Violas la fum' tra la urbo,*
*aŭrora radio en font',*

*rebrilo de ĉio pasinta.*
*Nenia okazos afer'.*
*Horloĝo eksonas en turo,*
*jam estas vesper'.*

## ĈINAJ ESPERANTISTOJ EN JUGOSLAVIO



Sur la foto: kun la membroj de Esperanto-Klubo „Juneco".
(En Pula, 1983. Fotis: D. Ćurić.)

## JUGOSLAVIAJ (kaj alilandaj) ESPERANTISTOJ EN ĈINIO





Dum la 71-a UK en Ĉinio en 1986.
(El la kongresa foto-servo)